# Esperantisto Slovaka 1/96

**Sendependa gazeto por esperantistoj (ne nur) en Slovakio**




El la enhavo:

"E.S." jubileas (p.3)
Leterkesto (p.4)
Puto de la amo (p.7)
La mezepoka slovaka urbo Levoĉa kaj la Majstro Paŭlo (p.10)
Krucenigmo (p.13)
Esperanto en Slovakio (p.14)
Tra Esperantujo (p.20)
Korespondi deziras (p.22)
Resulto de la Enketo de "E.S." (p.23)
Enketilo-Respondkarto (enmetita)

**Spišská Sobota -naskiĝloko de T. Sekelj**

(Pri inaŭguro de memortabulo legu sur la paĝo 16)

# Esperantisto Slovaka




***Karaj Legantoj,***

*kun ĝojo mi anoncas al vi, ke la gazeto Esperantisto Slovaka, kiu ĉijare ĝisvivas sian 50-jaran jubileon, post paŭzo denove aperas – en nova vesto kaj en nova formo: ĝi komencas aperadi kiel sendependa kaj neŭtrala gazeto por esperantistoj en Slovakio kaj iliaj amikoj en eksterlando.Krom informoj kaj novaĵoj pri aktivecoj de esperantistoj ĝi alportos distron kaj instruon, kurson de Esperanto por komencantoj, krucenigmojn, humuron kaj ĉion, pri kio Vi, Karaj Legantoj, montros la intereson. La komenca aperritmo estos kvarfoje jare sur 24 paĝoj A5, kun la tendenco la aperritmon kaj la amplekson reguligi laŭ la intereso de la legantoj kaj la ekonomiaj eblecoj.*

*La abonkotizo estas* ***libervola****. Tio signifas, ke la gazeton ricevados ĉiu, kiu al la redakcio sendos almenaŭ foje jare libervolan mondonacon, laŭ siaj eblecoj kaj laŭ propra prijuĝo. La libervolaj mondonacoj estos la unusola enspezfonto de la gazeto kaj ĝia kvalito do rekte dependos de Via malavareco: ju pli malavarajn mondonacojn ricevados la redakcio de siaj legantoj, des pli kvalitan gazeton ricevados la legantoj de la redakcio. Kvalito de la gazeto do dependos de ĉiu elinter Vi.*

*Kvalito de la gazeto komprenble dependos ne nur de Via financa subteno, sed ankaŭ de Viaj skribaj kontribuaĵoj. La redakcio serĉas regulajn, sed ankaŭ okazajn kunlaborantojn, korespondantojn. Esperantisto Slovaka estu afero de ni ĉiuj, ĝi prezentadu buntan kaj riĉan materialon de spertaj, sed ankaŭ komencantaj esperantistoj. Se Vi ankoraŭ ne estas tre certaj pri Via lingva nivelo, Vi povas sendi la kontribuaĵon ankaŭ en la nacia lingvo.*

*Esperantisto Slovaka denove alvenas al Vi, kun ambicioj fariĝi bona Esperanta gazeto, inda sian 50-jaran tradicion. Ĝia specifa kaj nova trajto estas, ke ĝi volas fariĝi – diference de plej multaj nuntempaj periodaĵoj – gazeto neŭtrale kaj „pozitive“ agordita, kio signifas, ke ĝi intence kaj ridetante evitos negativajn novaĵojn, konfliktojn, kritikojn, perforton kaj la homan malbonon, do ĉion, kio la homojn doloras, ĉagrenas kaj disdividas. Esperanto ja la homojn devas kunigi. Do ankaŭ Esperantisto Slovaka kunigu ĉiujn adeptojn de Esperanto (ne nur) en Slovakio...*




*En la gazeto vi trovas trovas respondkarton. Bonvolu dediĉi al ĝi la atenton. Plenigu ĝin kaj kune kun financa kontribuo ĝin sendu al la redakcia adreso.*

*Kore vin salutas kaj je bona kunlaboro ĝojas*

*Via redaktoro*

# LETERO EL DUDINCE

*Karaj miaj Geamikoj,*

*kortuŝite mi eksidis al mia labortablo, por surpaperigi al vi kelkajn vortojn, al vi, Gekaruloj, kiuj rememoras tiun tempon, en kiu vivas mia koro en tiu ĉi horo, kaj al vi, Gekaruloj, kiuj jam aktive vivas la tempon de la nova generacio...*

*Jes, rememoroj. Envere 50 jaroj en la aktiva homa vivo signifas unu generacion.*

*Mi, tiam plenenergia juna viro, kiam mi eksidis al la tablo, por skribi enkondukajn vortojn por la naskiĝanta Esperantisto Slovaka, — nun pleņaĝa maljunulo... Tia estas la realaĵo.*

*Ĉar 50 jaroj, forpasintaj, estas unu generacio. Ankaŭ tiam estis la monato Marto, alportanta la unuan verdaĵon en la naturo, kiel nun, kaj la unuajn floretojn... Sed estis ruinaĵoj de domoj, en kiuj vivis homoj, vivis kaj amis unu la alian, kaj el tio naskiĝis kun espero nova ideo, nova homaĵo, frukto de espero, – infanetoj...*

*Sed estis ankaŭ novaj freŝaj tomboj, dissemitaj en la Dia Naturo, solaj, unuopaj, sed ankaŭ grandaj amastomboj... Kaj en multaj familioj oni ankoraŭ atendis iun, ke li venos, ke li revenos...*

*Tiam, en tiu tempo, en tiaj cirkonstancoj naskiĝis Esperantisto Slovaka, – kun tiaj rememoroj, kun tiaj esperoj.*

*Kaj ni serĉis unu la alian, – ĉu li ankoraŭ restis viva, al ni ŝajnis, ke ni estas principe kaj nature geamikoj, eĉ gefratoj, ke ni ĉiuj havas en nia koro similajn sentojn, similan esperon, kun konstato, ke ni travivis la teruran uraganon, kaj nia devo estas fari ĉion, ke jam neniam fluu la homa sango, ke jam por ĉiam fariĝu trankvila, esperoplena, kreiva vivo... kaj paco.*

*Kaj kun tiaj sentoj venis al mi ankaŭ aliaj, por voli kune kun mi aktivadi por la paco, kunlabori. – Al la plej unuaj mi ankaŭ nun dankas pro ilia nobla intenco, tiuj estis s–anoj prof. E.V.Tvarožek kaj lia amiko J.Lamaĉka, kiu estas jam en la eterneco.*

*Multe mi devus surpaperigi, ĉar jen en tiu ĉi nokta silento venis la rememoroj el la tiamaj tempoj. Kaj la printempo, kiel nun, el kies primavera atmosfero mi sendas al vi, karaj Geamikoj, la plej korajn salutojn el mia simbolplena 88–a naskiĝtago, kaj al vi, gekaruloj, kiuj estas el mia generacio ankoraŭ ankaŭ vivaj, la plej sincerajn dankesprimojn, ke vi tiam venis per amikeca emo sur la verda kampo kun verda nova espero kunlabori.*

*Kaj al vi, novaj generacianoj, multajn korajn bondezirojn al novaj 50 jaroj, kaj la samon mi deziras al tiu ĉi unua, nova ekzemplero de la 51–a jaro en la vivo de nia kara Esperantisto Slovaka! – Satu kaj subtenu ĝin, ja ĝi reprezentas en la vasta mondo tiel vin, kiel ankaŭ nian amatan, karan patrolandon.*

*Kun Esperantisto Slovaka Via*

*Ernesto Váňa*

*Kara samideano,*

*mi aŭdis, ke vi estas la mago, kiu donos novan vivon al ES. Bonege! Ĉar vi estas la garantio, ke ĝi estos bone farata. Ne tre volonte, sed tamen mi malkaŝas, ke mi tre scivole atendas ĝin!*

*Mi ankaŭ esperas, ke ĝi aperados akurate kaj ke vi sukcesos defendi ĝin kontraŭ ĉiuj ne- kaj anti-esperant(ist)aj influoj. Kaj mi esperas, ke povos validiĝi ankaŭ eks-steloj desur la esp-a firmamento (kiel ekz. mi). Mi trovis areton da interesaĵoj el la pasinta tempo kaj sendas ilin al vi almete. Ĝi estas nenio mondrenversa, sed tralegu, kaj se io taŭgos por ŝtopi la spacon, bv. uzi. (Ili estas tradukaĵoj el diversaj gazetoj kaj revuoj). - Kaj bonvolu meti min en la nomaron de la abonantoj.*

*Kun deziro de multaj valoraj kunlaborantoj, de granda sukceso, de granda laborentuziasmo*

*mi salutas vin sincere*

*E.V. Tvarozek*

***

*Estimata amiko,*

*Mi ĝojas, ke vi reaperas en la medio de ĵurnalismo! Pri la renaskiĝo de Esperantisto Slovaka mi aperigas artikolon en* Internacia Ĵurnalisto *1/96, kiu ĵus estas presata aŭ jam ekspedata. Se vi jam aliĝis al Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEJA), vi ja ricevos tiun ĉi numeron kaj do vidos. Iom mi sekvis la evoluon en Slovakio, ĉar jam de pluraj jaroj mi bone konis Milan el Poprad, kie mi estis dufoje por priĵurnalismaj seminarioj. Mi tre bedaŭris la partan fiaskon, ĉar mi tre ŝatis la tiean etoson. Espereble do la movado en via lando retrovos sian iaman elanon sur fortika fundamento...*

*Krome mi esperas, ke vi regule sendos renaskitan Esperantiston Slovakan al mi kiel redaktoro de nia fakorgano, ĉar mi aperigas ankaŭ rubrikon pri revuoj kaj krome ofte traktas revuojn aparte, kiam estas io speciala. Dankon pro detaloj por JARLIBRETO, sed ni provizore rezignas pri reaperigo, ĉar ĝi ne havis la dezirindan sukceson.*

*Kun bondeziroj por sukceso - pri kiu mi ne dubas - kaj koraj salutoj, sincere via*

*Stefan Maul*

***

*Kara Stano,*

*dankon pro la informo, ke vi pretas redakti denove nian revuon Esperantisto Slovaka, kiun vi redaktis antaŭ ses jaroj.*

*Mi estas vere surprizita, kiel leganto kaj kontribuanto de ES dum lastaj 6 jaroj, pri via anonco „ES denove aperas!" Dum lastaj jaroj ĝi regule aperadis. Nur kiam la asocio (SEA) estis ruinigita per altaj ŝuldoj de la E-Centro en Poprad, kaj post la ekzisto-fino de SEA la redaktora grupo anoncis, ke en la 49-jara ekzisto ES estos eldonata, kiel aldono de LA DUA JARCENTO (LDJ).*

*Laŭ mia opinio apartenas al la redakta grupo de ES speciala danko, kiu ne permesis prokraston en la eldonado ĝis ĝia 50-jara jubileo. Ĝia eldonado estis endanĝerigita jam antaŭ 6 jaroj, kiam ĝi aperadis kun longa malfruo. Kaj poste vi foriris de ĝi. (*Rim. de la red.: mi ne foriris, mi estis forigita.)*

*Plaĉas al mi, ke dankon al la redakta grupo esprimis la fondinto de ES s-ano Arnoŝt Vána , kiu estis aperigita en la 4-a numero 1995.*

*Mi esperas, ke ES aperados regule, kiel dum 6 jaroj, fariĝos ilo por reaktivigo de slovakia esperantistaro, estos platformo por pripenso de formo de ia tutŝtata unio, por ke ankaŭ slovakia esperantistaro estu partnero, parto de la monda esperantista movado. Eble oni devos reveni al la proponoj, fondi novan kunordigan organon en Slovakio (ian Slovakian Esperanto-Union, aŭ ion similan). La nuna stato ne estas bona por la E-movado en Slovakio.*

*Mi deziras al vi multe da sukceso en via laboro.*

*Amike salutas vin*

*Jozef (nelegebla)*

***

*Estimata samideano!*

*Ege min ĝojigas via ideo renovigi la gazeton „Esperantisto Slovaka" post ĝia malapero fare de neniiĝo de Slovakia Esperanto-Asocio.*

*Tre volonte mi ĝin ricevadus, por kio mi sendas al vi kun ricevatestilo 50 Ck-ojn (ĉu sufiĉas?)*

*Dezirante al vi sukcesan agadon kaj multajn kontentajn legantojn*

*kore salutas*

*Miroslav Severa*

***

*Kara Stano,*

*en Esperantisto Slovaka 4/95 mi legis, ke vi fariĝas redaktoro de Esperantisto Slovaka... Tiuokaze mi sincere deziras al vi sukceson en via redaktora laboro, kiu tiom gravas por pluevoluo de Esperanto-movado ne nur en Slovakio.*

*Ĉi tiun leteron bv. konsideri abonaliĝon, kvankam mi ne ankoraŭ konas la prezon kaj amplekson de la malnov-nova periodaĵo.*

*Aldone vi trovos informcele oferton de publikigaĵoj de mia eldonejo KAVA-PECH, kaj por Ĉehoj (kaj Slovakoj) en ĉehaj kronoj, kaj por eksterlandanoj (en NLG)...*

*Dezirante al vi plenumon de ĉiuj viaj revoj (kaj priesperantaj, kaj privataj) dum 1996 mi amike kaj samideane salutas vin.*

*Petro Chrdle*

*Gekaraj,*

*ĝoje mi legis pri via intenco reeldonadi la gazeton „Esperantisto Slovaka". Mi ĉiam amike komunikis kun la slovakaj esperantistoj surbaze de via intereso pri mia literatura kreado en la nacia kaj Esperanto-lingvoj.*

*Mi kredas, ke estas sufiĉe da motivoj por kultivi la kunlaboron de la ĉeĥaj kaj slovakaj literaturistoj. Mi ĉiam publike proklamis, ke mi komprenas vian aspiron fondi la propran ŝtaton. Se Ĉeĥoj havus nur unufoje en la 1000-jara historio sian ŝtaton, se metropolo de la iama federacio estus ne Praha, sed Bratislava, se Ĉeĥoj kalkulus sian loĝantaron je 5 milionoj kaj Slovakoj je 10 milionoj, Ĉeĥoj pensus alimaniere ol ili pensas rilate al sendependeco de la propra ŝtato.*

*Iom ŝerceme mi diradis kiel likvidi la situacion, ke Slovakoj rilate al Ĉeĥoj estas nur la duono: 1. ke la slovaka familio havu du infanojn se la ĉeĥa havus nur unu infanon; 2. ke Slovakinoj edziniĝu al Ĉeĥoj kaj la infanojn certe la patrino edukos slovake, ĉar edzoj ne interesesiĝas pri edukado de infanoj, sidante pli ofte en gastejoj. Do, tio estis humuro.*

*Mi havas intereson kunlabori kun via gazeto rilate al literatura kreado originala en poezio. Mi preparis por eldono mian poezikolekton verkitan originale en Esperanto sub titolo „Kantoj de vaganto sur planedo Gojmalo". Libro iomete ironia, sed tamen profunde serioza. Mi intencis eldoni la libron proprakoste (alimaniere oni ne povas eldonadi ĉe ni poezilibrojn kaj nature en Esperanto la afero ankoraŭ pli malfacilas). Do mi proponas eldonadi tiujn versojn en via gazeto...*

*Do, tiom por mia respondo al via propono fariĝi kunlaboranto de ES.*

*Amike via* *Prof. L. Podmele (Jiří Karen)*

***

*Estimata sinjoro Marĉek,*

*dankon pro la anonco pri denova aperado de la gazeto Esperantisto Slovaka. Mi almetas la respondilon kun tio, ke mi sendis per poŝtpagilo kiel libervolan abonpagon 100 Sk por la jaro 1996.*

*Ĉar mi ne volas, ke la gazeto malaperu, iam mi kontribuos al ĝi. Kiel specimenon mi sendas al vi tekston, kiu, se vi ne havos multajn materialojn, povus esti aperigita en somera numero. Se tio estos ebla, de tempo al tempo mi kontribuos, kiel mi indikis ankaŭ sur la respondilo, per interesaĵoj el teknika kaj scienca branĉoj.*

*Bedaŭrinde mi sendas la kontribuaĵon en la slovaka lingvo, ĉar precipe fakajn terminojn mi ne kuraĝas traduki.*

*Kun salutoj*

*L. Kulĉás*

*Estimata sinjoro,*

*la 15an de aprilo 1996 mi perpoŝte ricevis vian enketilon, kiun mi al vi, plenigitan, resendas el la poŝtoficejo Makov en Slovakio. Ni ambaŭ kun la edzino estis membroj de SEA ekde 1987, sed malgraŭ registritaj leteroj ni ekde 1991 ricevis neniajn skribajn novaĵojn pri SEA nek el Poprad, nek el Bratislava. Ni petas vian skriban sciigon, kiaj estas membrokotizoj de SEA por la jaroj 1991 ĝis 1996. Kontribuaĵon por eldonado de Esperantisto Slovaka ni sendos.*

*Estimplene*

*Pavel Burian (Ĉeĥio)*

***

*Milí priatelia,*

*rodičia, krstní rodičia, pôrodníci, sestry a bratia, jednoducho všetci, čo sa snažíte zresuscitovať Esperantisto Slovaka!*

*Volám sa Sveto Jandura, som veľmi ťažko postihnutý vozíčkár, kvadruplegik. Mám v tomto roku 44 rokov. V septembri dožijem 20. výročie pádu z hrušky, následkom čoho som ochrnul. Tento list dokážem naklepať len pomocou epitéz, do ktorých mám primontované kladívka a tyčky na konci s gumeným štuplíkom. Rukou písať nedokážem. Nemám žiadny pohyb od zápästia k prstom. Preto Vám, milí priatelia, nepíšem v esperante. Písanie aj po slovensky je pre mňa náročné na čas. Veď dokážem písať len každý druhý deň, keď ma moja 67-ročná mama posadí do invalidného vozíka..*

*Niekoľko poznámok k staronovému „ES". S tou nerzávislosťou by som to až tak nepreháňal. Neverím, že sa dá vydávať časopis bez sponzora. Iba ak takým tichým sponzorom budú redaktori, tlačiari, distribútori, pracujúci zadarmo. Ale potom sa pýtam: Dokedy?*

*Napriek tejto výhrade Vám držím v duchu palce. A na dôkaz Vám posielam 50 Sk za prvé dve čísla. Ak stihnete v tomto kalendárnom roku vydať viac, doplatím za každé budúce po 25 Sk, ale až v budúcom roku spolu s novým predplatným. Vyššiu sumu si ako invalidný dôchodca namôjdušu nemôžem dovoliť...*

*Želám ES úspech a dožitie sa storočnice. Všetkým Vám, čo si tento list prečítate, prajem dobré zdravie a toľko finančného kapitálu, aby ste nemali iné problémy okrem tvorčích, umeleckých, grafických a štylistických.*

*Na prvé číslo nezávislého ES sa teší*
*Váš obdivovateľ*

*Sveto Jandura*

## „OPUSTÍŠ-LI MA, NEZAHYNIEM, OPUSTÍŠ-LI MA, ZAHYNIEŠ!!!"

*Táto myšlienka sa mi natíska, keď si prezerám titulnú stranu časopisu Esperantisto Slovaka, 1. ročník, marec 1946, číslo 1-2. Zelená päťcípa hviezda s bielym písmenom E a pod ňou skautská ľalia so slovenským znakom – odznak slovenského skautizmu a vedľa po slovensky napísané: Slovenský esperantista. Posielam redakcii kópiu druhej strany listu s obsahom, ktorý si zaslúži pri znovuoživení po 50-ich rokoch byť všetkým esperantistom i skautom na Slovensku pripomenutý. Pri tejto príležitosti s mimoriadnou úctou a vďakou pozdravujem samideana Arnošta Váňu, ktorý pre slovenských esperantistov a junákov — esperantistov založil a vydal časopis SLOVENSKÝ ESPERANTISTA v dvojjazyčnom vydaní.*

*Vo funkcii náčelníka SELSLO – Skolta Esperanto-Ligo Slovakia - Skautskej esperantskej ligy Slovenska, ako toho času jedinej celoštátnej esperantskej organizácie na Slovensku – srdečne pozdravujem a vítam znovuzrodenie časopisu Slovenský esperantista pri príležitosti 50. výročia jeho založenia, želám novému mladému redaktorovi plný úspech a samideánovi Váňovi ešte mnoho rokov potešenia z plodov jeho neúnavnej činnosti pre esperantské hnutie.*

*Osobne sa domnievam, že SEA/SEZ zahynul, lebo opustil základné idey, ktoré sú tak krásne vystihnuté práve v tom prvom dvojčísle ES. Časopis treba vydávať dvojjazyčne, treba zainteresovať mládež všetkých organizácií, predovšetkým skautov, lebo: „Skautské ideály spájajú svet" sa bratá a dopĺňuje s „Esperanto - most medzi národmi". Ak sa ale esperantisti budú len medzi sebou hrať na oplotenom piesočku pod zámienkou, že pestujú len esperanto, ako to niektorí terajší „predstavitelia" pripravovanej novej organizačnej štruktúry esperantistov hlásajú, odmietajúc spoluprácu s organizátormi, ktorí im nie sú po chuti, zahynú.*

*Je preto potrebné oživiť spoluprácu esperantistov so skautami a nadviazať spoluprácu so všetkými mládežníckymi a detskými organizáciami, ktoré príjmu ideu bratstva, rovnosti a mierovej spolupráce medzi národmi.*

*K naplneniu poslania želám redakcii a spolupracovníkom mnoho chuti, síl a úspechov.*

*Frato Ripo*



# PUTO DE LA AMO



Flavaj folioj flugante faladis de sur la maljunaj arboj. Servutuloj laboris sklave kaj silente sur la kampoj de la moŝta kastelestro kaj super la ondoj de la rivero Váh freneze dancis la aŭtuna vento, kiu per malvarmaj gutoj tamburis sian sovaĝan kanton sur la fenestroj de la fortikaĵo de Trenĉín. La vojoj kaj stratoj plenaj estis de soldatoj, kiuj estis ĵus revenantaj el bataloj kontraŭ-turkaj. Kaj kia diferenco! - En la subkastela urbo oni ĝojas, ridas kaj dancas pro la reveno de la venkintoj, dume supre, en la kastelego, regas silento, necerteco, timo...

Dum longaj tagoj sidadis la kastela moŝta sinorino, la belega Hedviga, sur benketo antaŭ la fenestro de sia ĉambro, observante la homojn, survoje al Trenĉín irantajn; ŝi atendis, jam senpacience, sian edzon, la moŝtan estron de la fortikaĵo de Trenĉín: Stefanon de Zápoľa, la glorfaman heroon kaj venkinton. Ŝi atendis ĉiutage, sopirante ege, sed ŝi atendis vane...

Kiam ŝi jam preskaŭ ne plu esperis, en unu tago ekĝojegis ŝia koro kaj ruĝiĝis la vango: ŝajnis al ŝi, ke en malproksimeco sur la vojo moviĝas longaj vicoj en la direkton al Trenĉín. - Ne daŭris longe kaj inter la kastelaj muregoj eksonis fanfaroj, trumpetoj kaj sonoriloj bonvenigaj: ja proksimiĝas la moŝta sinjoro, la estro de la fortikaĵo kun siaj heroaj soldatoj!...

Bonvenigas lin ĉio kaj ĉiu: la kastelaj sonoriloj ĝojsonaj, kanonpafado, la flago sur la kastela turo flirtanta al la venkintoj, ĝojkriego de la bonveniganta popolo, - sed pleje lin bonvenigas lia edzino feliĉega, la ĉarma belega Hedviga... Al ĉiu li havas afablan vorton, al ĉiu li prezentas belan donacon kaj neniu iras for de li sen tio, ja precipe ne lia belega, moŝta edzino, kiu vere ne kapablas kaŝi sian grandan surprizon, kiam ŝi ricevis donacon vere reĝan: belegan junulinon kun grandaj, nigraj okuloj, ĉarman Turkinon Fatima.

Inter la muregoj de la fortikaĵo regis denove gaja kaj ĝojplena vivo, - feliĉa estis Hedviga, la moŝta sinjorino, sed ja ne tia estis la turka sklavino Fatima. Ŝiaj belegaj okuloj ofte estis plenaj de larmoj, ŝi suferis ege, sopirante je sia patrolando konstante, sed ĉefe je sia fianĉo Omar.Ŝi estus pro malĝojo certe mortinta, se ŝi ne estus firme kredinta ĉiam, ke foje venos ŝia brava fianĉo, kiu ŝin trovos kaj reliberigos.

Pasis tagoj, semajnoj kaj monatoj malĝojaj, poste venis printempo, la signo de l' nova vivemo, de l' novaj esperoj... kaj la preĝoj de Fatima ne restis senrezultaj, ĉar en unu tago, tute neatendite, eksonis la herolda trumpeto el la kastela turo, sciigante, ke al la kasteleto proksimiĝas grupo de nobelaj fremdlandanoj. La solena grupo alvenis, - ili estis senditoj, Turkoj, gvidataj de nobela riĉulo, de la fianĉo de Fatima: Omar! Li venis, kiel komisiito de la turka estraro por interŝanĝi militkaptitojn en la fortikaĵo de Trenĉín.

La fortikaĵestro, Stefano de Zápoľa, konsentis interŝanĝi militkaptitojn, oni do kunigis ĉiujn kaptitojn por prezenti ilin al Omar. Li rapide trarigardis la vicojn, sed liaj okuloj ne trovis la plej serĉatan, pro kiu li ĉefe venis, tial li tuj demandis: ĉu estas ĉiuj kaptitoj ĉi tie? Kiam li aŭdis, ke jes, li paliĝis pro timo, ke lia amata fianĉino tamen eble ne estas en la kastelo, do li denove, nun jam timeme demandis Stefano'n de Zápoľa:

— Ĉu virinajn kaptitojn vi ne havas?

— Ne, ridetis Stefano de Zápoľa, ja mi ne batalis kontraŭ virinoj!

— Ĉu nek unu, unusolan sklavinon vi havas? — demandis jam preskaŭ senespere Omar.

— Ne, sklavinon mi ne havas, — respondis la kastelestro Zápoľa — sed nur unusola virino estas ĉi tie — li diris jam sciante, ke Omar pensis pri Fatima — tiu ja ne estas sklavino, ĉar ŝi estas tre ŝatata de mia edzino. Omar lin petis kun tremanta voĉo:

— Ĉu mi povas vidi ŝin?

— Jes, respondis Zápoľa, jen ŝi sidas apud mia edzino sur la benko ĉe tiu arbo! Li montris al du virinoj en la ĝardeno. Omar ekkriis surprizite:

— Tiu estas ŝi, mia fianĉino! Donu ŝin al mi!

— Neeble, respondis Zápoľa serioze, — mi donacis ŝin al mia edzino kaj nobelulo neniam reprenas la donacon. — Sed Omar petegis:

— Donu, ho sinjoro! — mi pagos al vi interŝanĝe cent servistojn!

— Mi ne bezonas ilin — diris Zápoľa — mi havas sufiĉe da servistoj.

— Donu! — mi pagos al vi per cento da plej belaj ĉevaloj!

— Nek ĉevalojn mi bezonas, — respondis Zápoľa mallonge.

— Mi donos al vi oron, tiom, kiom ŝi pezas, — nur redonu ŝin al mi! — petegis Omar preskaŭ plorante, sed Zápoľa respondis denove senkompate kaj firme:

— Eĉ oron mi ne bezonas!

Omar falis — senesperiĝante — sur siajn genuojn antaŭ Zápoľa kaj duonplorante li petegis:

— Ho, sinjoro! — ion vi tamen certe bezonas, ĉar via vizaĝo estas ĉiam malgaja, — diru do al mi: kia estas via deziro? — mi donos al vi ĉion, nur redonu mian feliĉon, redonu mian amatan fianĉinon, — havu por mi iom da kompato kaj via koro ne estu malmolega, kiel tiu ĉi roko... — ploregis Omar.

— Jes, vi pravas! — ekkriis Zápoľa firmvoĉe — mi estas malfeliĉa, ĉar akvon mi ne havas en la fortikaĵo, — akvon! Do, homo! — sorĉu al mi akvon el tiu ĉi roko kaj tiam vi povos forkonduki vian fianĉinon, sed alie ne!

„Sed alie ne!“... — resonis la teruraj vortoj en la oreloj de Omar... Li ĉirkaŭ-rigardis, li estis terure malfeliĉa, ĉar la kondiĉo estis neefektivigebla, — senespera, ja neniu povas doni akvon el tiu ĉi roko krom Dio... Li ekstaris kaj foriris, kun dolorego en sia koro, al grupo de siaj samlandanoj, kun kiuj li poste parolis longe. Kaj la venontan tagon, frumatene, oni vidis Omar'on kun Turkoj, preĝanta sur tiu loko, kie li hieraŭ parolis kun Zápoľa, kie petegis, — vane. Tuj poste ili eklaboris per siaj iloj, kaj komencis ĉizi la malmolan, rokan ŝtonon...

Tagoj estis for, — pasis semajnoj, monatoj — eĉ jaroj, sed akvo ne aperis! Neniu pensis jam pri la Turkoj serioze, oni opiniis ilin jam frenezaj. La puto estis jam profunda, eĉ profundega, — la plimulto de la Turkoj jam mortis en la laciga laboro, — eĉ Omar — kies nigraj haroj fariĝis dume grizaj, — komencis dubi, li ankaŭ komencis perdi la esperon. Sed li ne cedis, li laboris plu kun tiuj kelkaj, kiuj ankoraŭ vivis, ĉar li prefere volis morti en proksimeco de sia amata fianĉino, eĉ se en profundeco de la puto, ol iri for, sen ŝi... Kaj unu tagon, kiam neniu plu esperis, oni ekaŭdis krivoĉon el la profundeco: Akvo-o, akvo-o-o! La famo tuj disflugis ĉien en la kastelo, ĉiuj kuris al la puto, eĉ Zápoľa alvenis kaj trovis Omar'on surgenue — sed ne plu surgenue petegante, sed dankante, preĝante al Dio...

En la kastelo fariĝis granda ĝojfesteno, ĉiuj dancis, kanonoj pafadis, — Zápoľa estis feliĉega: li havas ja akvon, — fine, tamen — li havas akvon!... Sed la plej feliĉegaj estis la geamantoj: Fatima kaj Omar, ĉar ilia amo venkis. — Zápoľa plenumis honeste la promeson: li kondukis la belegan Fatima al la brava Omar, kiu feliĉege ĉirkaŭbrakis sian fidelan fianĉinon...

Post kelkaj tagoj ili forlasis la kastelon kun areto da kunlaborantoj kaj kun ĉiuj kaptitoj. Zápoľa forpermesis ĉiujn, donante al Omar multvalorajn donacojn, kiajn ankaŭ Fatima ricevis de la moŝta Hedviga, kiu nur malfacile povis adiaŭi Fatima'n, ĉar tiu fariĝis ŝia plej bona amikino. Zápoľa persone akompanis la forirantojn, donante al ili ĉiujn soldatajn honoraĵojn...

La puto restis kaj oni ĝis nun rakontas pri Fatima kaj Omar, pri ilia granda amo, precipe kiam oni rimarkas geamantojn, starantajn man-en-mane ĉe la puto, kiun oni nomas „puto de la amo“ kaj kiuj eble ankaŭ promesas unu al la alia amon, — eternan amon..

(El Esperantisto Slovaka, 1946)

## LA MEZEPOKA SLOVAKA URBO

# LEVOĈA

## KAJ ĜIA MAJSTRO PAŬLO




Levoĉa — unu el la plej gloraj komercaj urboj en Slovakio — situas sur la iama komerca vojo. La unua mencio pri la urbo troviĝas en privilegidona dokumento de la reĝo Karolo Roberto de Anjou en 1317.

La origina domgrupo ekzistis jam antaŭ la tatara invado sur la monto Altleutsch (Elfosaĵoj). Post detruo fare de tataraj soldatoj oni ĝin rekonstruis en la jaro 1245. Per reĝa dekreto ĝi ricevis liberurbajn privilegiojn por metiistoj kaj komercistoj. En la jaro 1271 Levoĉa fariĝis ĉefurbo de la ligo de 24 urboj de la tipa regiono Spiŝ. En administracio de Malnova Hungario (Ugrolando) Levoĉa havis apartan pozicion — ĝi estis subordigita rekte al la regnestro pere de aparta plenrajtigito — persona referanto.

La ekonomia prospero, kiu baziĝis sur apartaj reĝaj privilegioj en komerca kontakto kun Pollando kaj Rusio (deponrajto kaj rajto de libera moviĝado en la tuta lando) alportis al ĝi materian riĉecon. Tio kaŭzis altan kulturan, sciencan kaj artan nivelon de la urbo.

Ekde la 16a jarcento batalis Levoĉa kun la urbo Kezmarok je la menciitaj privilegioj preskaŭ cent jarojn. Levoĉa venkis.

En la 16a jarcento dum revoluciaj bataloj staris Levoĉa sur la flanko de Habsburgoj kaj kiam la urbo Koŝice kuniĝis kun la familio Zápolsky,

Levoĉa estis proklamita la reĝa sidejo. La loĝantoj amase konvertiĝis al evangelia eklezio. En la sama jarcento la urbo trifoje forbrulis. La nova kontinua konstruado stampis al ĝi karakteron de renesanca urbo. Ĝis la 18-a jarcento Levoĉa estis ekonomia, kultura kaj politika centro de la regiono Spiŝ.

Komence de la 18a jc. ĝia strategia signifo malkreskis kaj ĝia granda milit-armilaro estis parte transportita en Vienon kaj parte deponita en loka muzeo. Iom post iom descendis signifo de la komerco en Levoĉa, kiu transiris en la urbon Spiŝská Nová Ves.

Levoĉa, kiu nomiĝis Nurenbergo de Slovakio, havas multajn belegajn kultur-memoraĵojn kaj konstru-artaĵojn. La plej signifaj malnovaj konstruaĵoj troviĝas sur la urba placo, la hodiaŭa historia centro, kiu fariĝis la urba rezervaĵo. Ĉi tie estis en la jaro 1392 finkonstruita gotika Preĝejo de Sankta Jakobo, la plej signifa kultura memoraĵo de Slovakio kun granda kvanto da pentraĵoj kaj plastikaĵoj (Tombŝtonoj de Thurzoj), kun ĉefaltaro finkonstruita en la jaro 1508, artaĵo de Majstro Paŭlo el Levoĉa, kun la altaro Virdoloro, kiun oni konstruis post vizito de la reĝo Mateo Korvinus en la jaro 1474 kun kvanto da malgrandaj alo-altaroj.

La menciita preĝejo de Sankta jakobo, la nacia kultur-memoraĵo, estas la dua plej granda preĝejo en Slovakio. Ĝia ĉefaltaro — kun la alteco 18,6 m kaj larĝeco 6 m — estas la plej alta gotika altaro en la mondo.

En predelo de la altaro estas prezentita „La lasta vespermanĝo“. En la altara ŝranko estas monumentaj plastikaĵoj de Madona (Di-Patrino) kun la infano (2,27 m alta), Sankta Jakobo la pli maljuna kaj Sankta Jakobo Apostolo (2,3 m alta). La altaralojn ornamas reliefoj, ĉe la fermo videblas tabulaj pentraĵoj. La tuta preĝejo estas fakte muzeo de pura mezepoka arto.

La urbaj remparoj devenas el la 14a kaj 15a jarcentoj kaj konserviĝis ilia du kilometrojn longa parto. Restaŭritaj estas la bastionoj, turoj kaj rempar-pordegoj de la urboj Koŝice kaj Menhartov.

La urbodomo kun kolonaro, laŭdevene gotika konstruaĵo, estis rekonstruita al renesanca stilo en la jaro 1615. Nun en ĝi troviĝas Muzeo de Spiŝ. Antaŭ la urbodomo troviĝas pilorio, kaĝo de malhonoro, el la jaro 1600. La placon borderas burĝaj domoj de iamaj riĉaj komercistoj el la 14a kaj 15a jarcentoj.

La plej valora estas tielnomata domo de Thurzoj kun karakteriza renesanca atiko (mal-granda kroma etaĝo, ordinare ornamita de pilastroj, ĉe la supro de la fasado).

Al pluaj valoraj konstruaĵoj de Levoĉa apartenas Sonorilejo, Magazeno, Depar-tement-prefekta domo, Presejo de Brawer, Gimnazia preĝejo, Monaĥejo (klostro) de minoritoj kun gotika kruc-koridoro el la 14a jc. kaj Nova preĝejo de minoritoj.

En Levoĉa troviĝas granda kvanto da memortabuloj kaj monumentoj, prezen-tantaj la plej signifajn historiajn okazintaĵojn de la urbo.

En la 19a jc. ĉi tiea evangelia liceo estis centro de la slovakaj kulturaj kaj politikaj klopodoj. Levoĉa fariĝis post Bratislava la plej grava centro de

la generacio de Ludoviko Ŝtúr, la gvida personeco de la slovaka nacia movado en duono de la 19a jc. kaj kodifikatoro de la slovaka lingvo.

Menciinda estas „Blanka Sinjorino de Levoĉa“, Juliana Korponay, amatino de barono Stefano Andrássy, generalo de Rákóczi. En 1710 ŝi perfidis la generalon kaj la burgo de Levoĉa, kies komandanto li estis, transiris en manojn de la imperiestro. Juliana Korponay supozis, ke pro la perfido la imperiestro rekompencos ŝin pro la bonaj servoj, kiujn ŝi faris por li, sed pro suspekta amikeco kun aliancanoj de Rákoczi ŝi estis militkaptita kaj post turmentado en 1715 senkapigita.

Kaj nun ion pri Majstro Paŭlo el Levoĉa, kiu estas unu el la plej grandaj slovakaj mezepokaj artistoj — lignoskulptistoj. Li naskiĝis ĉirkaŭ la jaro 1455. Verŝajne li ekkonis la kreadon de V. Stoss, kiu en la jaroj 1477-96 agadis en Krakovo, poste en Nurenbergo. Kelkaj esplorantoj vidas en Majstro Paŭlo lernanton de V. Stoss.

Eble la plej malnovaj art-verkoj en Levoĉa estas plastikaĵoj el la grupo de „Naskiĝo de Kristo“ (komenco de la 16a jc.) en la preĝejo de Sankta Jakobo, kies Sankta Maria estis skulptita laŭ Sankta Maria el la krakova altaro de Stoss.

La ĉefaltaro de Sankta Jakobo estas la plej granda kaj plej fama gotika altaro en la Centra Eŭropo. Ĝi ekestis kiel artverko de pli multaj kunaŭtoroj po etapoj dum kelkaj jaroj.

En la predelo (malsupra friso de altar-skulptaĵo aŭ pentraĵo) videbliĝas la „Lasta vespermanĝo“. Sur fermita altaro oni povas vidi ok tabulajn bildojn, kiuj prezentas mort-torturojn de Jesuo Kristo. Sur la internaj flankoj de la moveblaj aloj estas videblaj kvar reliefoj: Disiĝo de apostoloj, Senkapigo de Sankta Jakobo, Sankta Johano Evangelisto sur la insulo de Patmo, kie Sankta Johano verkis Apokalipson kaj ene de la altara ŝranko Madona kun la infano kronigita far du anĝeloj.

Ikonografio kreas kontinuan historion de la „Lasta vespermanĝo“ tra la morto de Kristo ĝis la post-resurekcia glorigo. Alo flanke de la altarŝranko enhavas statuojn de dek du apostoloj el fino de la 16a jarcento.
La arta verko de Majstro Paŭlo el Levoĉa estas kompakta arta valoraĵo el la 14a jarcento, kiu enviciĝis inter la plej valorajn gotikajn ligno-skulptaĵojn de la mondo.

La ĉirkaŭaĵo de Levoĉa abundas je urbetoj kaj vilaĝoj riĉaj je arkitekturaj valoraĵoj, plejparte kasteloj, preĝejoj kaj palacoj. La plej fama estas Spiŝská Kapitula kun gotika katedralo, Markuŝovce kun mezepoka kastelo (kaj muzeo de antikvaj mebloj) kaj Spiŝská Nová Ves, fama minejurbo kun belega gotika preĝejo, kiu havas 86 metrojn altan turon, la plej altan en la tuta Slovakio.

Apartan atenton meritas la pitoreskaj ruinoj de la Burgo de Spiŝ, devenanta el la 12-a jarcento kaj altiĝanta super la vilaĝo Spiŝské Podhradie.

Anton Zachariáŝ

LA KAŜFRAZO | FARAS ION IA | SIMBOLO DE KALIO | KOR-INKLINO | AŬTOSIMB. DE MAROKO | ELPAŜEJ' | LAVĈAMBR' | SUBSTANTIVA FINAĴO | DOKTOR' (MLL.) | MALGRANDA | CILINDR' DA FUM-TABAKO | MALGRANDA MATERIER'

PLURALA PRONOMO
ĜIBHAVA PARHUFULO
DRATA SIGNAL-RICEVIL'
BONMORA
RIVERO EN SOVETIO

TRE GRANDA
KONTRAŬA
GRANDA RONDA KUKO
MINERAL' KUN MALOF-TAJ METALOJ
STURMO

RABA INSEKTO
RUSA VIRNOM'
MALTAŬZI HAROJN
FARO
CIFER', NUMERAL'

HOMO DE IA PROFESIO
STULTEGUL', MALSPRITUL'
GRANDKORNA PARHUFULO
ASOCIA MEMBRO
LA ĈEFA ARTERIO

VOLITIVA FINAĴO
MINERALO ENTENANTA METALOJN
URIN-KANAL'
AMERIKA TIGR'
JETGLOBO POR LUDOJ
LAŬTLEGI AL SKRIBANTO

ESTANTEC'
INTERPUNK-CIA SIGNO
MALFRUA (POEZIE)
AŬTOSIMB. DE GERMANIO
PIKA EKSTREMO

FORMORT-INTA BOV'
RONDIRVOJO DE PLANEDO
INTERETAĜA VETURILO
SKRAPI KAMPON
NASK'DE NEVIVIPOVA IDO

HAŬT' DE ARBOJ
KOVRITA DE HARETARO
RILATA AL PROKSIMIGA OPTIKA IN-STRUMENTO
JUNTAĴ' INTER OSTOJ
RILATAJ AL EŬROPA MONTARO

PROFITO, BONEFIKO
KRUSTUL'
MINERALOJ POR ART-OBJEKTOJ
PARTICIPA SUFIKSO
PARTO DE FRUKTO

INFANO PERDINTA GEPATROJN
TIROL-KANTOS
EKSAJ, PASINTAJ
SIMBOLO DE TITANO
PANTALONA RIMEN'

AKUZATIVA FINAĴO
VICMONTRA NUMERALO
ŜIRMEJ' POR VETURILOJ
KOMPETENTA PRITAKSO
MALSUPRA ŜIPFERDEK'
DECILITRO

MAJESTA SIDADO
ANIMO EN HINDAJ RELIGIOJ
ITALA URBO
ROMANE "500"
SIMBOLO DE KALIO

PREFIKSO (DENOVE)
RILATAJ AL SEKSA AMO
OPZICII
FRAT' DE LA PATRO

UNUO DE ELEKTRA REZISTANCO
KUIREJA BULBO
RILATA AL OLEORIĈA FRUKTO
SILENTE PERMESI MALBONAN AFERON




BATILOJ EL ŜNURO KAJ TENILO
SKELET-PART'
KALKA GLO-BET' SUR MINERALO

STAT' SEN KONTAKTOJ
SCIENCE: "VIDO"
MALBONE PAŜANTA

AŬTOSIMB. DE SVEDIO
EGIPTA RIVEREGO
STANGA MANĜUJ' POR BRUTOJ
KONJUNKCIO POST KOM-PARATIVO
VICMONTRA NUMERALO

KONTRAŬULO EN AMO
VIRSEKSA PRONOMO
LA TRIA TONO
ANTAŬ KRISTO

ARTIKOLO
ROND' DE AMIKOJ
TUNO

SUBITA MALSANIĜ'
KOMENCI BATALON

Stano MARČEK

# LA UNUA SLOVAKA STUDADSESIO DE AIS

Akademio internacia de sciencoj (AIS) San Marino organizis en marto 1996 unusemajnan studadsesion en Pedagogia Altlernejo en Nitra. La laborlingvoj de la sesio estis la itala, germana, angla, franca, slovaka kaj Esperanto (ILO). Ekde sabato la 3-a de marto ĝis vendredo la 8-a de marto '96 efektiviĝis la 30-a senatkunsido de AIS, asembleo de la Subtena Sektoro, konsulthoroj de la ekzamenofico, sekcikunsidoj kaj renkontiĝo de la senatanoj kaj dekanoj de AIS kun rektoro kaj dekanoj de la Pedagogia Altlernejo en Nitra.

Por la enskribiĝintoj okazis sciencaj kursoj kaj prelegoj de profesoroj kaj docentoj de AIS Helmar Frank, Karlo Minnaja, Kjell Sellin, Alicja Lewanderska, Hans-Dietrich Quednau, Hans Michael Maitzen, Vera Barandovska-Frank, ISK-ano Stanislav Koŝecky kaj aliaj. La prelegoj okazis precipe en „ILO" - Esperanto. La nomon ILO por la Internacia lingvo preferas uzi la AIS-anoj por emfazi neŭtralan karakteron de la lingvo kaj por eviti antaŭjuĝojn de tiuj, kiuj konas Esperanton kiel hobion aŭ ludilon de „stranguloj".

Simpatia ago de la organizintoj, kiujn gvidis Dr-ino Eva Poláková el Pedagogia altlernejo Nitra estis nomoj de apartaj prelegoj laŭ famaj internaciaj eminentuloj: Boulanger, Descartes, Eukleides, Gandhi, Galilei, Komensky, Schmidt.

La studadsesio en Nitra, la unua studadsesio de AIS en Slovakio, bone sukcesis kaj interalie montris al multaj instruistoj kaj profesoroj de Pedagogia altlernejo en Nitra taŭgecon de Esperanto - ILO - en pedagogia praktiko kaj internaciaj kontaktoj.

Ing. Ivan Slávik, CSc



*Sur la foto: PhDr. Eva Poláková kaj Helmar Frank, direktoro de AIS en Nitra (foto: Ivan Slávik)*

***

# LA 12-a SIMPOZIO DE MONDA TURISMO

De la 14-a ĝis la 17-a de marto 1996 okazis en Slovakio, sub la montaro Altaj Tatroj en la urbo Poprad, la 12-a Simpozio de Monda Turismo. La simpozion organizis Regiona Societo Esperanto en Poprad.

La ĉefa prelego estis pri „Provinca turismo en la subtatra regiono". La prelegojn prezentis Inĝ. Ján Vajs, prezidanto de Mezslovakia Esperanto-Ligo.

La duan prelegon pri „Karpatoj kaj la turismo" preparis Inĝ. Marián Ŝturec, kiu bedaŭrinde ne povis partopreni la simpozion. La prelegon tralegis Inĝ. Milan Zvara.

La duan tagon la partoprenantoj de la simpozio vizitis la pitoreskan montaran vilaĝon Liptovská Teplièka, kiu troviĝas en orienta parto de Malaltaj Tatroj. Plia haltejo estis ĉe la vilaĝo Ŝtrba. Nomo de la loko estis Stary Mlyn (Malnova



muelejo), kie krom stila vilaĝa restoracio eblas loĝigi preskaŭ cent personojn..

La simpozion partoprenis estraranoj kaj landaj reprezentantoj de Monda Turismo kaj kelkaj reprezentantoj de kulaborantaj turismaj organizaĵoj.

La partoprenantoj estis el la jenaj landoj: Bulgario, Hungario, Litovio, Pollando, Rusio kaj Slovakio. Do entute el ses landoj.

*Milan Zvara*

***

# POLUDNICA '96

Vintra supreniro de esperantistoj sur la montopinton Poludnica en la jaro1996 estis signita per gripa epidemio. Multaj tradiciaj partoprenantoj devis resti hejme kaj aliaj pro malforteco alvenis al Liptovsky Ján, sed ne supreniris sur la montopinton Poludnica. Malgraŭ tio la jam 14-a montgrimpado estis sukcesa.

Vendrede la 5-an de januaro alvenis la partoprenantoj al la montara kabano „Hanka“ en Jánská-valo. Sabate la 6-an de januaro supreniris al la montopinto 16 esperantistoj kaj simpatiantoj. El la distriktoj Žilina kaj L. Mikuláŝ venis po 4, el Poprad kaj Žiar n/Hronom po 3 kaj el Ĉadca 2 partoprenantoj. Supren kaj reen kondukis vojeto el Jánska-valo al flanka montodorso Rakytovnica sur antaŭmontopinton de Poludnica ĝis montopinto en la alteco de 1550 m. La relativa altecdiferenco estas 860 m. Dum la tuta tago brilis vintra suno sur per neĝa kusenego bele kovritajn Malaltajn Tatrojn.

Multaj partoprenantoj suprenportis ŝtonojn por konstruado de EO (Esperanto-obo). La plej pezan ŝtonon suprenportis Lucka Fedorová (1,6 kg) kaj la plej interesan Janka Mitaŝová, kiu suprenportis ŝtonon el sala minejo en Solotvino (Ukraino) el la profundeco de 280 m. Same kiel dum la pasintjara supreniro, ankŭ ĉi-jare la plej juna partoprenanto estis Joĉjo Ĉimbora el Poprad.

Post reveno al la kabano daŭris la programo per prelegoj, Inĝ. Milan Zvara prelegis kaj projekciis lumbildojn pri la 25-a datreveno de SELKO (Somera

Esperanto-Lernejo). Pri la UK 1995 en Tampereo kaj pri la sistemo de delegita reto de UEA prelegis ĉefdelegito de UEA por Slovakio Inĝ. Milan Neubeler. Inĝ. Ján Vajs parolis kaj projekciis lumbildojn pri vojaĝado sur biciklo ĉirkaŭ Altaj Tatroj kaj pri la vojaĝo al Aŭstralio kaj Nov-Zelando. Babilado kaj diskutado daŭris en amika atmosfero ĝis profunda nokto.

Dimanĉe la partoprenantoj banis sin en kovrita termala baseno ĉe la hotelo Máj. La aliaj promenis en la pitoreska naturo. Ĉiuj partoprenantoj jam ĝojegas al la renkontiĝo sur la montopinto Poludnica en januaro 1997.

Por Esperantisto Slovaka

*Ján Vajs*

***

## „ESO 95" HAVAS NOVAN ESTRARON

Inĝ. Bednarík kaj D-ro Koŝecky ĉesis funkcii en la estraro de ESO 95. Dum la jarkunsido sabate la 25-an de majo la membroj de ESO 95 en Bratislava elektis novan estraron. La prezidantino fariĝis s-ino Alica Komloŝiová. ESO 95 havas nun 7-membran estraron, revizorinon kaj tri honorajn konsilantojn. La klubejo funkcias ĉiutage vespere en la studenta hejmo Bratislava, Raĉianska 80, kie eblas ankaŭ tranokti. Privata telefonn-ro al la prezidantino: 07 291604 (vespere inter la 21a kaj la 23a horo).

*-Ripo-*

***

## SKOLTOJ DUM LA 81-a U.K.

SEL (Skolta Esperanto-Ligo) invitas ĉiujn geskoltojn, kiuj estos dum la 81a UK en Prago, renkontiĝi kaj konsiliĝi pri la plua SEL-agado. Bonvolu rigardi la afiŝon sur la centra kongresa anonctabulo.

*Frato -RIPO-*

## ANTAŬKONGRESANOJ VIZITOS BRATISLAVON

En la programo de la Antaŭkongreso, kiu okazos de la 14-a ĝis la 20-a de julio en Brno, estas aŭtobusa ekskurso al Bratislava. La aŭtobuso forveturos ĵaŭde la 18-an de julio de la hotelo Slovan en Brno je la 8,30 horo al la ĉefurbo de Slovakio. La gastoj estas plejparte el Japanio, Nederlando kaj el diversaj ŝtatoj de Eŭropo. En aŭtobuso estas kelkaj liberaj lokoj, do esperantistoj, kiuj volus akompani la gastojn en la urbo Bratislava, povos atendi la aŭtobuson ĉirkaŭ la 10-a horo ĉe la Malsanulejo fine de la trolea tramveturilo No 212. La gastoj vizitos skoltan kabanon en Kaĉín, ĉirkaŭ la 11-a horo estos en la kastelo Bratislava, de la 12-a ĝis la 13,30 ili tagmanĝos en restoracio de la persona haveno sur Danubo ĉe la Nacia Muzeo, de la 13,30 ili trarigardos historian centron de la urbo kaj de la 15-a ĝis la 17-a libervole trarigardos vendejojn en Obchodná-strato kaj ĉirkaŭe. Je la 17-a horo la aŭtobuso forveturos al Mikulov, kie la gastoj vespermanĝos, gustumos vinon kaj dancos ĉe cimbala muziko. Tranokto denove en la hotelo Slovan en Brno.

*Frato -RIPO-*

***

## SPIŜSKÁ SOBOTA — NASKIĜLOKO DE TIBOR SEKELJ

Pasintjare estis plej amplekse prezentita la personeco de Tibor Sekelj en lia naskiĝloko Spiŝská sobota, nun urboparto de Poprad.

La 26-an de junio 1995 estis inaŭgurita sur la frontmuro de lia naskiĝdomo memortabulo, kiun donacis la urbo Subotica en Jugoslavio. Ĉe la inaŭguro estis reprezentantoj de la urboj Poprad kaj Subotica. La saman tagon estis solene malfermita belega ekspozicio

pri lia vivo kaj parte liaj kolektaĵoj en Subtatra muzeo en Poprad. La ekspozicio estis aranĝita en du salonoj. La unua salono havis karakteron bibliografian kaj la dua prezentis diversajn ĉapojn kaj ĉapelojn el diversaj lokoj de la mondo kaj krom tio vizitanto de la ekspozicio povis vidi multajn popolajn muzikinstrumentojn. Multaj el ili estis dum la inaŭguro de la ekspozicio prezentitaj pere de la ensemblo Barbarika el Subotica.

Per tiuj ĉi eventoj finfine realiĝis jam dekjara sopiro prezenti al la publiko de la urbo Poprad tre interesan homon, kiu naskiĝis en Spiŝská Sobota

Milan Zvara

# KION FARAS PÚCHOV-anoj

Anoj de la Esperanto-klubo en Púchov renkontiĝas marde ĉiun duan semajnon en Urba kultura centro en Povazská Bystrica.

Anoncoj pri skribaj kursoj de Esperanto kaj pri E-aranĝaĵoj de esperantistoj el la distrikto aperas en semajnaj ĵurnaloj Obzor, Aspekt kaj Púchovské noviny. En la vestiblo de la Urba kultura centro en Púchov estas regule instalita Esperanto-ekspozicio.

I. Hromadíkova
(Laŭ Raportanto)




*Memortabulo de Tibor Sekelj sur la frontmuro sur lia naskiĝdomo en Spiŝská Sobota, donacita de la urbo Subottica en Jugoslavio.*

*FOTOJ: Milan Zvara*

# ENKORPIGITA TOLEREMO

## (Rememore al Miloslav Rybín)

Esperantistoj plejparte apartenas al tiu parto de la homaro, por kiu estas karakteriza toleremo. Sed ne pri ĉiuj oni povas diri, ke la tipa dominanta trajto estas toleremo. Pri **Miloslav Rybín** sen risko de eraro oni povas diri, ke li estis enkorpigita toleremo. Dum sia tuta vivo li estis homo modera, kiu ne kverelis, kiu pacience aŭskultis opiniojn de aliaj homoj.

Miloslav Rybín naskiĝis la 13-an de oktobro 1926 en la vilaĝo (antaŭe reĝa urbo) Nemecká Lupĉa, kiu post la dua mondmilito ricevis la nomon Partizánska Lupĉa. Familiajn radikojn en Partizánska Lupĉa havis lia patrino Elena, kiu devenis el la familio Obrcian. Lia patro Jozef devenis el la vilaĝo Bristvy (distrikto Jiĉín) en norda Ĉeĥio. Al Nemecká Lupĉa li alvenis en la jaro 1923. Al sia filo li havis grandan influon. Li estis razisto kaj lia filo Miloslav ellernis ĉe li la saman metion.



Jozef Rybín estis la unua homo, kiu al la juna Miloslav unuafoje diris pri Esperanto. El lia esperantisteco restis nur unu poŝtkarto de korespondantino el Jugoslavio kaj unu skriba memoraĵo: „Hundo kaj cigaro“, kiu estis publikigita en kluba informilo Subtatrano 1985.

Juna Miloslav estis ĉiuflanka homo. Li interesiĝis pri sporto kaj teatro, mallonge li laboris kiel redaktoro de la loka gazeto „Lupĉiansky priekopník“. En sia naskiĝvilaĝo travivis Miloslav bazlernejajn kaj metilernejajn jarojn.

Liaj Esperantaj komencoj datiĝas post la duan mondmiliton, en la jaron 1946. Li komencis memlernante, kio sufiĉis por korespondado. Lia kolekto de korespondantoj estis granda: 43 esperantistoj el la sama nombro da landoj. En la jaro 1947 li fariĝis membro de Slovaka Esperanto-Societo kaj de UEA. Tiutempe li intense lernis Esperanton. Kvinfoje, jaron post jaro, li vizitadis Someran E-Lernejon en Doksy ĉe la Lago de Mácha. En 1950 li frekventis E-kurson en Liptovsky Mikuláŝ. Esperanton li studis ankaŭ en Zimrovice kaj Lanĉov.



*Miloŝ Rybín dum la Esperanto-kurso en Spiŝská Sobota en 1982*

Poste li mem fariĝis instruisto de Esperanto kaj instruis en Sofio, Balatonfüregy (Hungario), Lanĉov (Ĉeĥio) kaj en Koŝická Belá, Dedinky, Dudince, Poprad, Liptovsky Mikuláŝ, Liptovsky Hrádok, Ru ĵomberok, Pribylina (Slovakio). Dum someraj E-lernejoj li instruis pli ol 600 studentojn de 22 nacioj, kiel li diradis „de Granda Britio ĝis Magadan en Siberio". Li instruis nur per „Ĉe-metodo" sen uzo de la nacia lingvo.

Miloslav Rybín estis ankaŭ bona organizanto de la Esperanto-movado. Li estas unu el la fondintoj de la E-klubo en Liptovsky Mikuláŝ kaj kunfondinto de AE SSR. Pro liaj instruista kaj organiza laboroj oni honorigis lin per ora insigno de SEA. En la jaro 1989 li ricevis de Ministerio de kulturo, pro la laboro en Esperanto-movado, la honorigon „Modela laboranto de kulturo".

Samideano Miloŝ Rybín estis subtila homo kun sentema sano. En la jaro 1982 li travivis cerban apopleksion. Li forgesis legi, skribi kaj paroli. Post du semajnoj li estis kapabla komuniki nur en Esperanto. Per sia forta volo kaj dank' al sia vivemo, li venkis ankaŭ ĉi malfavoron de la sorto. Ĝis sia morto en novembro 1995 li aktive laboris sur la kampo de Esperanto.

Por Esperantisto Slovaka

Ján Vajs

# LA 81-a UNIVERSALA KONGRESO EN PRAGO



81-a Universala Kongreso de Esperanto, Prago, 20-27 julio 1996

La 81-a Universala Kongreso de Esperanto post 70 jaroj okazas denove en Prago, ekde la 20-a ĝis la 27-a de julio 1996, sub protektanteco de la prezidento de Ĉeha Respubliko Václav Havel. La Kongresejo estos en Kongresa kaj kultura centro de Prago (Palaco de kulturo). Temo de la kongreso: „Kulturo - valoro aŭ varo“?

El la programo: Solena malfermo okazos dimanĉe la 21-an de julio matene je la 10-a horo en en la Kongresejo. Posttagmeze kunsidoj de fakaj asocioj, simpozioj, seminarioj, diservo, vespere Ĉeĥa Nacia vespero. Lunde: IKU-prelegoj, Ĉe-semanario kaj -kurso, Belartaj Konkursoj, Komitato de UEA, Koncerto, Bankedo, Kongresa balo, duontagaj ekskursoj. Marde: IKU-prelegoj, Societo Zamenhof, Prelego pri Ĉeĥio, Internaciaj ekzamenoj, Teatraĵo, Koncerto. Merkrede: Tuttagaj ekskursoj, Junulara vespero. Ĵaŭde: IKU-prelegoj, Kunsidoj de fakaj asocioj, Teatraĵo, Koncerto, Aŭkcio, Urbestra akcepto, Internaciaj ekzamenoj (skribaj), Duontagaj ekskursoj. Vendrede: Kunsidoj, prelego pri Ĉeĥio, Internacia Arta Vespero. Sabate: Solena fermo je la 10-a matene.







Ĉirkaŭkongresaj aranĝoj: *Oficiala antaŭkongreso* kun la devizo „La moravia folkloro al la mondo“ okazos en Brno, de la 14-a ĝis la 20-a de julio. *Infana Kongreseto* okazos samtempe kun la UK en Rabyně na Slapy, *ILEI-konferenco* de la 27-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto en Tábor, *Internacia Junulara Kongreso* de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto en Güntensberge en Germanio, *Blindula kongreso* okazos en Praha antaŭ la UK. Post la UK okazos serio da *Postkongresaj ekskursoj*: „Banurboj de okc. Ĉeĥio“, „Mondaj trezoroj de UNESKO: Prago - Český Krumlov -Trenĉ“, „Gastama Suda Moravio: Lando de Komenio“ kaj „Magia triangulo: Prago - Dresdeno Krakovo“

***

# KATOLIKA E-TENDARO

En la tagoj 3-a ĝis la 17-a de aŭgusto 1996 okazos laŭvice jam la 15-a IKUE-tendaro en la vilaĝo Sebranice apud Litomyŝl sub gvido de ĉeĥaj kaj slovakaj IKUE-anoj.

La tendaro konsistas el dulitaj tendoj (necesas kunpreni dormosakon), sed estas tie spaco ankaŭ por kampado. Matenmanĝo kaj vespermanĝo estas preparataj en tendara kuirejo, sed oni tagmanĝas en vilaĝa manĝejo. En la vilaĝo troviĝas restoracio kaj tri nutraĵvendejoj.

Ambaŭ proksimaj urboj Poliĉka kaj Litomyŝl estas historiaj urboj kaj enkadre de la restado oni vizitos ilin per aŭtobuso.

La tendaron partoprenos ankaŭ ĉeĥa dominikano P. Savio kaj germana salesiano P.Hatto, kiuj certigados ĉiutagan celebradon de s-ta meso en Esperanto. Ni atendas ankaŭ viziton de episkopo Otĉenáŝek.

Ĉiu tendara tago komenciĝas per s-ta meso en Esperanto kaj antaŭtagmeze

okazas kursoj de Esperanto por komencantoj, progresantoj, progresintoj kaj ankaŭ kurso konversacia. Posttagmezo estas dediĉita al memlernado, sporto, naĝado, sociaj ludoj, promenoj kaj kantado. Antaŭtagmeze okazos prelegoj pri spiritaj kaj E-movadaj temoj. Ŝatataj estas vesperaj tendarfajroj kun kantado, rakontado kaj ludoj.

La tendaro akceptas partoprenantojn de ĉiuj aĝ-kategorioj. Infanoj ĝis 14 jaroj povas partopreni la tendaron nur kun la gepatroj aŭ plenaĝa respondeculo.

Ĉiujare partoprenas en la tendaro krom ĉeĥaj esperantistoj ankaŭ esperantistoj el Germanio, Pollando, Hungario kaj Litovio, el Slovakio pasintjare venis 9 gefratoj. Ĉi-jare oni atendas ankaŭ gastojn el Ukrainio.

La partoprenkotizo inkluzivas la restadon kaj nutradon. Lernantoj, metilernantoj, studentoj kaj nesalajrataj gejunuloj - membroj de ĉeĥa aŭ slovaka IKUE-sekcioj pagas 1100 Kĉ, nemembroj 1150 Kĉ, salajrataj membroj de IKUE-sekcioj 1300, nemembroj 1400 Kĉ. Pli detalajn informojn petu ĉe: Anna Němcová, Zvolenská 5, 010 08 Žilina, aŭ ĉe: Pavel Brada, CZ-783 75 Dub nad Moravou 127.

Venu ankaŭ vi ĝui vere fratecan medion, kiu regas en la tendaro kaj vi forportos de tie pli bonajn lingvajn konojn, pli profundan spiritan vivon kaj neforgeseblajn rememorojn.

*—an—*

***

## ĈIRKAŬ LA MONDO KUN MONDA TURISMO

„Esperantotur", Turisma Servo de Monda Turismo, jam la sesan fojon organizas unumonatan „Vojaĝon ĉirkaŭ la mondo". Ĉijare ĝi okazos post la UK en Prago.

Forflugo el Varsovio estas la 1-an de aŭgusto, al Zuriko kaj Ĝenevo. Oni flugos tra trideko da mondaj urboj, vizitos Nov-Jorkon, Disney-landon en Florido, Atlanton, Las Vegas, Los Angeles, Tokion, Hiroŝimon (partopreno en la 83-a Japana Esperanto-Kongreso), Tajvano, Honkongo, Ŝanghajo (partopreno en la Unua Azia Kongreso de Esperanto), Singapuro, Delhio, Jaipur kaj Agra kaj reflugo al Varsovio la 31-an de aŭgusto.

La flugvojaĝo jkun E-gvidanto kaj asekuro kostas 3000 US$. Por hoteloj, trajn- kaj busveturadoj, manĝoj k.s. necesas kunporti min. 1000 $. Vizojn ĉiu devas prizorgi mem.

Esperantotur MT, M.Sklodowskiej-Curie 10, PL-85-094 Bydgoszcz.



O F-ino Karla de Bruin, Hankemaberg 36, NL-7608 DH Almelo, Nederlando, deziras korespondi en Esperanto kun la tuta mondo.

O S-ro Nd. Wananhi Nixon, C.P.6283, Luanda Palanca, Angolo, juna esperantisto, deziras korespondi tutmonde.

O S-ro Guilermo Belloti, Gral Paz 2349, RA-5000 Cordoba, Argentino, studento, deziras kor. pri ŝirmado de parkoj, ekologio kaj biologio.

O S-ino Teresa Bellata, Cuso Frech 3670, BO San Vicente, RA-5006, Cordoba, Argentino, deziras amike korespondi pri filatelo, bildkartoj.

O F-ino Hella Zsigmond, Telepy ut. 2/F, H-1096 Budapest, Hungario, dez. internacie kor. kun geesperantistoj.

O S-ro Mario R. de Fonesca Sobrino, B.P.186, Gare Alger, DZ-16000 Alger, Alĝerio, deziras korespondi pri radioamatorismo.

O S-ro Abelkader Tahla, 17 rue de la Poste, Alĝerio, DZ-13530 Remchi Tiencen, deziras tutmone korespondi en Esperanto.

O S-ro August Kilk, Mere 83-3, EE-2126 Vosu, Estonio, internacia amika korespondado.

O F-ino Giedre Baĉkiunaite, Lazdiu 18, Kaunas, Litovio, deziras korespondi en E-o pri muziko, ekologio, sporto, kristanismo.

O F-ino Miriam Cardozo, San Martin 1032, RA-3500 Qutilpi (CH), Argentino, 21-jara, deziras korespondi kun samaĝuloj tutmonde.

O S-ro Borje Eriksson, Kylakatu 140, SF-15700 Lahti, Finnlando, deziras kor. E-e kaj svede pri antropozofio de Rudolf Steiner.

O S-ro Ivan Egorov, ul. Engelsa 4, Albinskij r-on, Krasnojarskij kraj, RUS - 353322, Erivanskaja, Rusio, deziras kor. pri skoltado, turismo kaj muziko.

O S-ro Josef Wisser, Kalbingerstrasse 17, A-4407 Dietsch B. St., Aŭstrio, deziras korespondi en E-o pri ĵurnalismo kaj SAT.

O S-ro Martin Stupping, Esperantostr. 175, A-9601 Arnoldstein (Kaerten), deziras korespondi E-e nur pri fervojoj kaj vivo de fervojistoj.

O S-ro Giggiddorg, Poŝtfako 44, p.k. 117, Ulanbataro, Mongolio, 28-jara instruisto, deziras korespondi tutmonde, kolektas E-literaturon kaj lernolibrojn.

O S-ino Audrone Razalite, Zanavyky 5 - 1, 3005 Kaunas, Litovio, pedagogo, deziras korespondi pri ĉiuj temoj.

O S-ro Václav Kaprál, CZ-33151 Kaznejov, Ĉeĥio, pensiulo, deziras renovigi korespondadon kun geamikoj kaj interŝanĝi poŝtmarkojn.

O S-ino Eva Techniková, Vítezná 571, CZ-46641 Tanvald-Šumburk, Ĉeĥio, serĉas oferema samideanan amikon, kiu helpus profundigi lingvoscion de E-o, kor. pri naturo, floroj, faŭno, mineraloj kaj ofte venus helpi en soleca vivo de handikapulino.

O S-ino Yvonne Winkler von Mohrenfels, Scheidlerstr. 140, D-66125 Dudweiler, Germanio, serĉas interesulojn pri korespondado en E-o kun germana junularo.

O S-ro Max Hollinger, Gruberstr. 65, A-4020 Linz, 73-jara oficisto, deziras amike korespondi tutmonde.

O S-ro Wolfgang Keldofer, Zeilach 5, Pattingam, Aŭstrio, dez. kor. pri religiaj temoj.

O S-ro Georgij Kokolia, Kartozia 4, 384921 Sukhumi, Abhazio, komputisto, serĉas internaciajn kontaktojn.

O S-ro Dr. M. Rashidi, Sdat CO, Herat, Afganio, pionira esp.-isto serĉas helpon en disvastigado de E-o.

O F-ino Viola Keta, Rr. Mina Peza 122/1, Tirane, Albanio, 18-jara, serĉas internacian amikan korespondadon kun ĉiuj.

O S-ro Jiří Ŝilc, Jánoŝikova 39, CZ-64300 Brno, Ĉeĥio, 36-jarulo, dez. kor. tutmonde pri ĉ. temoj, precipe pri amikeco, naturbelaĵoj, int. BKojn kaj diapozitivojn. Respondo certa.

O S-ro Vic Scarola, 3 Daffone Road, London SW17 8TY, Anglio, 30-jara instruisto, poeto, filozofo, naturamanto, Italo loĝanta en Anglio, ŝatas kor. por amikeco kaj interŝanĝo de vizitoj.

O F-ino Lariene Arsher, 11 S. Mequite Trail, Memphis, USA (Usono), E-instruistino, serĉas korespondantojn.

O F-ino Hella Zsigmond, Telepy ut. 2/F, H-1096 Budapest, Hungario, 19 jaroj, deziras amike internacie korespondi kun geesperantistoj

## ENKETO DE „E.S."

Al la redakcio de Esperantisto Slovaka *dume* revenis 150 plenigitaj (el 3 mil dissenditaj) enketiloj. El la ĝis nun venintaj respondoj (esperebl revenos ankoraŭ kelcent...) rezultas, ke la legantoj deziras havi en Esperantisto Slovaka la jenajn temojn:

| Temoj: | poentoj: |
|---|---|
| *E-movado en la mondo* | *100* |
| *El la vivo de niaj E-kluboj* | *95* |
| *Kalendaro de E-aranĝaĵoj* | *85* |
| *Turismo* | *67* |
| *Humuro* | *65* |
| *Historio de la E-movado* | *65* |
| *Naturo* | *62* |
| *Naturdefendado* | *60* |
| *E-kurso* | *57* |
| *Apliko de E-o en scienco/tekniko* | *54* |
| *Krucenigmo* | *46* |
| *Beletro* | *42* |
| *Fakaj artikoloj* | *42* |
| *Interlingvistiko* | *42* |
| *Metodiko de instruado* | *38* |
| *Kolektado* | *30* |
| *Recenzoj* | *28* |
| *Poezio* | *26* |
| *Arto* | *26* |
| *Muziko* | *26* |
| *Skoltismo* | *23* |

*Aliaj proponitaj temoj: Korespondi deziras (9), Aplikado de E-o ĝenerale, Aktualaĵoj, E-o en komerco, Slovaka E-movado kaj UEA, Vivo en aliaj landoj, Ekonomia kaj socia progreso, Burgoj kaj kasteloj, Medicino kaj E-o, Interesaj artikoloj pri Slovakio, Sana vivmaniero, Pozitiva pensado, E-o kaj katolika religio, Mistiko, Ufologio, Astronomio, Geografio, Artikoloj pri IKUE, Ivalidoj, Sakludo, Vivmedio, Helpo al komencantaj aŭtoroj.*

***Rim. de la redaktoro:** Rezulto de la enketo (kvankam ankoraŭ ne definitiva) estas tre interesa, eĉ mirinda kaj certe tre motiviga ne nur por la redaktoro, sed ankaŭ por:*

## KORESPONDANTOJ DE ESPERANTISTO SLOVAKA

Enkadre de la „ES-ENKETO" aliĝis al kunlaboro kun „E.S." 44 korespondantoj. Mi bonvenigas ilin en la redakta kolegio kaj tuj invitas ĉiujn al regula kunlaboro! Jen la aliĝintaj ES-korespondantoj:

D-rino Magda Ŝaturová (laŭ ES-bezonoj), Augustín Ĉambál (okazaj diverstemaj artikoloj), Jirí Karen (poezio, metodiko), D-ro Jaromír Jermár (interlingvistiko), Vlado Sládeĉek (laŭ bezno), Inĝ. Magdaléna Feifiĉová (fervojistoj-esperantistoj), Mgr. Alica Komlóŝiová (originala kaj tradukita E-poezio kaj prozo), Inĝ. Ján Vajs (E-agado), Inĝ. Milan Zvara (agado de niaj esp.-istoj), Drahomír Koĉvara (aktualaĵoj), Prof. Ernesto Geleta (versaĵoj, aforismoj, ŝercoj, renkontiĝoj, instruado), D-ro Petr Chrdle (ne regule), Inĝ. M.Havránek (skoltismo, sunvarmo) Ján Göldrich (filozofio, toleremo, naciismo), D-ro Josef Hradil (popularmedicinaj temoj), Lucia Fedorová (tradukoj de beletro, poezio, informoj el la kluba agado), Zdenko Krimský (turismo), MUDr. Ila Beutlová (medicino, sano), Emília Chútková (kluba vivo), RNDr. L.Kolĉár, CSc (interesaĵoj el scienco kaj tekniko, astronomio, meteorologio), Jirí Vomáĉka (E-vivo en Okc. Ĉehio, novaĵoj, raportoj), Miloslav Pokorny (humuro, beletro), Jozef Reinvart (E-familioj), Mgr, Inĝ. Ŝtefan Žolnay CSc. (ekonomia kaj socia progreso), Ladislav Ŝpína (kor. deziras), Vladimír Surovĉek (naturo, turismo, arto, skoltismo), Svetozár Jandura (invalidoj, familio, socio, E-o kiel amiko), Stanislav Jakubec (historio, muziko, sporto), Anna Iváková, Inĝ. Supuka Ján kaj Margita (proverboj, ŝercoj). Hana Ŝmardová (agado de EK Trebíĉ), Ladislav Chmelík, Jozef Bielik (komencantoj), Michaela Brunnerová (historio k.s.), Pavel Burian (historia kunlaboro kaj frateca amikeco inter Slovakoj kaj Moravianoj), L.Fiala (laŭ bezono), Ŝtefan Jariabko (aktualaĵoj, okaze), Elena Groszmanová (kontaktadresoj), Alena Ĉápová, Inĝ. Terézia Braniŝová (IKUE, invalidoj), Ludmila Sitarová (la naturo), Inĝ. Juraj Hamza (nutrado kaj sano), Inĝ. Josef Vojáĉek (apliko de E-o en scienco kaj tekniko).

## PETO DE LA REDAKCIO

La redakcio de Esperantisto Slovaka sukcese solvis plurajn, precipe teknikajn problemojn (komputilo, E-litertipojk.s.) kaj nun verŝajne jam nenio staras en la vojo al regule aperanta kaj eble ankaŭ riĉenhava gazeto por slovakaj esperantistoj. Ni nur bezonas trovi ilin: ĝis nun ni — malgraŭ 3 mil dissenditaj informleteroj kun aboniloj — enketiloj — trovis nur 150 verajn interesiĝantojn, do tiujn, kiuj sendis por Esperantisto Slovaka monsubtenon. Malgraŭ tio (eĉ se eble iom pli malfrue ol multaj supozis) la jubilea numero aperas. La redaktoro pardonpetas pro la malfruiĝo kaj petas ĉiujn pri komprenemo kaj helpo.

(-sm-)